Jaro 13 Februaro 1961 N-ro 1



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

Majorka la perlo de la Mediteranea Maro

# Homa tragedio

Mond' de mizero, doloro, perforto,
Mondo de sango, perfido, batal',
Ĉu nur ĉagreno, teruro kaj morto,
Ĉu nur malbon' estas via fatal'?

Hom', super ĉiuj kreitoj la krono,
Kvazaŭ reganto de l' tuta natur',
Kial vi uzas, anstataŭ por bono,
Vian racion nur nura terur'?

Kial, ho hom', vi predikas la amon,
Bele rezonas pri paco kaj ver',
Kvankam vi dume praktikas malsamon,
Morton semante sur tuta la ter'?

Kial, ho kial ne estas konformo
Inter parolo kaj via agad'?
Ĉu hipokrito nur estas la normo
Vin instiganta al vorto-parad'?

Jaro post jaro forpasas, lasante
Vundojn profundajn en korp' kaj anim';
Kaj senskrupule la homo konstante
Faras sin mem sia propra viktim'.

Ĉiun novjaron la homoj eniras,
Benon fidante por si kaj la frat';
Sed, ĉu la ben', kiun buŝo deziras,
Fontas el koro? — Ho, duba agad'!

Ho, se la hom' liberigi sin povus
El konvencio, doktrino, erar';
Kiom pli ĝoja la vivon li trovus:
Sen la katenoj de prema dogmar'.

Kaj, se lin regus profunda kompreno,
Ke la sekreto de l' homa feliĉ'
Ne elmontriĝas en brua sinteno,
Sed en animo kun ama dediĉ'!

Tempon ne perdu, ho fratoj, per diro:
Kia, laŭ via percept', estu mond'.
Sed realigu laŭ propra inspiro
Pacon en vi kaj en propra la rond'.

G. J. Degenkamp

**POR LA JARO 1961**
**NI DEZIRAS AL VI**

# Al Barcelona!

Finiĝis la jaro 1960, en kiu plu daŭris la festadoj en esperantista medio, honore al nia majstro Zamenhof.
Gravaj, tre gravaj oficialaj aranĝoj sukcesis veki, en grandaj tavoloj de diversnaciaj popoloj, simpation por Esperanto kaj ĝia aŭtoro, komprenon por la celado de tiuj, kiuj obstine agados por la disvastiĝo de la lingvo. Ministerioj de instruado instigis lernejestrojn doni al la lernantaro instruon pri la aŭtoro de Esperanto kaj lia vivoverko, kaj en la pasinta jaro Esperanto eniris en multaj lernejoj kiel nedeviga instrufako. Multobliĝis la nombro de stratoj en tuta la mondo, kiuj akiris nomon „Esperanto" aŭ „Zamenhof". Sekve de la decido de UNESKO, ke D-ro Zamenhof apartenas al la grandaj personecoj de la historio, oni oficiale celebras lian naskiĝdaton en multaj landoj. La du festaj jaroj alportis al la glora lingvokreinto kaj apostolo la decan honoron kaj al la Esperanto-movado la respekton kiun ili meritas.
Definitive finiĝis la periodo de ĝenerala, senĉesa moko pri la lingvo kaj pri la stranguloj kiuj ĥimere propagandis ĝin.
Ĉi tiu grava ŝanĝo en la situacio de nia lingvo sendube ne estus realigebla, se ne ekzistus la potencaj tutmondaj organizoj, kiuj per sia perfekta organizaĵo morale kaj finance gvidis tiun altkvalite organizitan kaj profunde impresantan festagadon.
Se do kun respekto ni mencias la faritajn laborojn de la grandaj fratorganizoj, ni ne malpli kontentas pri la bonaj rezultatoj, kiujn rikoltis nia IFEF-movado en la pasinta jaro.
La belaj flugfolioj eldonitaj de diverslandaj fervojaj administracioj, la kunlaboro de fervojistaj esperantistoj en la mondkongresoj, la esperantoteksto en diverslandaj horaroj, la reprezentado de multaj fervojaj administracioj en niaj kongresoj, estas bonaj rezultatoj de la aktiva agemo de niaj membroj, kiuj daŭre prilaboras la ankoraŭ malfacile konkereblan terenon.
Krom tio ni iom post iom atingas pli trafan celon, nome la maturigon de la fervojistoj por nia ideo, pere de niaj kongresoj. La daŭre kreskanta nombro de nia membraro pruvas ke niaj kongresoj estas plej bona propagandilo por Esperanto, ĉar tie konvinkiĝas pri la utilo de nia lingvo dungitoj kaj superuloj; al novuloj en nia medio ili donas la necesan stimulon; al multjaraj anoj novan energion kaj entuziasmon.

> „Amikoj miaj, al kiuj mi konsilis viziti la kongreson en Linz, venos ĉi-jare al Barcelona, ĉar ili estis ravitaj pro la simpatia sfero kaj la amikeco inter la fervojistoj en viaj kongresoj".

Tiel skribis al mi sveda amikino.
Jen la sekreto de la konstanta kresko de nia movado en kiu ni praktike aplikas la bazan ideon de nia lingvo, kaj tial mia plej bona deziro al vi ĉiuj, miaj amikoj, estas jena:
Se vi volas ĝui en ĉi tiu kruela mondo de masakro kaj malamo plenan semajnon de harmonio kaj frateco, vi ne hezitu pli longe.
**Anoncu vin tuj por nia kongreso en Barcelona por ke la jaro 1961 estu por vi feliĉa kaj esperoplena.**

La prezidanto

# HISPANIO VOKAS VIN

Hispanio ampleksas areon de 505.000 kvadratkilometroj inkluzive de la Baleara kaj Kanaria insularoj, kaj havas 30.535.000 enloĝantojn. La klimato estas malsama laŭ la regionoj. En la nordaj kaj nordokcidentaj provincoj la pluvoj estas abundaj; en la Mediteranea parto la klimato estas varmeta en la vintro, kaj sur la granda centra altebenaĵo la temperaturoj estas ekstremaj: la someroj tre varmaj kaj la vintroj malvarmegaj. Hispanio estas unu el la plej montarplenaj landoj de Eŭropo. Pli ol la duono de la duoninsulo ampleksas la centra altebenaĵo, kies alteco estas 700 m super la mara nivelo. La nordaj, centraj, sudaj kaj orientaj provincoj estas trairitaj de krutegaj montvicoj.

La plej alta monto „Mulhacen" estas alta 3.481 m kaj situas en la suda parto de la lando. Pro la deklivo de la hispana teritorio, la riveroj estas ĝenerale je rapida fluado, pli taŭgaj por hidroelektra profito ol por ŝipveturado. Oni povas konsideri tri alfluejojn, nome: la mallongajn nordajn riverojn, el kiuj la „Nervion" permesas la eniradon de sufiĉe grandaj ŝipoj en la industria urbo Bilbao; la riverojn kiuj alfluas en la Atlantikan Oceanon, kaj la riverojn de la Mediteranea regiono, kiuj alkondukas preskaŭ sian tutan akvon sur la fruktedonaj orientaj kampoj. Ekzistas diversaj eltrovaĵoj kiuj montras ke dum la Ŝtona Epoko nia Ibera duoninsulo ricevis enloĝantojn.

En tiu tempo enmigris du aziaj popoloj kiuj kunfandiĝis kaj okupis la centran parton de la lando. Al la Mediteranea marbordo venis komercistoj, fenicianoj kaj grekoj, kiuj fondis kelkajn koloniojn. Unu el ili estas la nuna urbo Cadiz, la plej malnova urbo de Eŭropo. Hispanio apartenas kiel provinco al la roma imperio. Ankoraŭ staras en la lando diversaj konstruaĵoj de tiu epoko: arkaĵoj, akvoduktoj, pontoj ktp. La nordaj eŭropaj popoloj, kiuj venkis la romanojn, okupis la landon kaj ili konvertiĝis je la kristana religio.

La nordafrikaj mahometanaj popoloj invadis la duoninsulon kaj restis en ĝi dum kelkaj jarcentoj, sed ili estis fine venkitaj kaj forpelitaj en la jaro 1492. Dum kvar jarcentoj la hispanaj reĝoj regis fabelan imperion: la duonon de Ameriko kaj terposedaĵojn en Eŭropo, Azio kaj Afriko.

La 19-a jarcento signifas la finon de la kolonia hispana imperio.

Hispanio havas multajn grandajn urbojn el kiuj Madrid kun siaj pli ol du milionoj da enloĝantoj estas la ĉefurbo. En grandeco sekvas ĝin Barcelono (1.630.000) nia kongresurbo. Ne estas la unuafojo ke en Barcelono okazas Esperanto-kongreso. En 1909 ĝi gastigis inter siaj muroj la 5-an Universalan Kongreson, kiun partoprenis pli ol 1300 personoj el 32 landoj kaj nia majstro mem. Honora prezidanto de la kongreso estis la hispana reĝo Alfonso la 13-a, kiun ni ĝoje rememoras per nia kongresnumero.

Pri Barcelono ekzistas la popoldiraĵo: „Barcelono estas bona se la poŝo sonas", do se oni havas sufiĉe da mono. Sed tiu proverbo nuntempe ne plu validas. Laŭ ĝenerala monkurzo la prezoj estas tiom malaltaj, kiom en neniu Eŭropa lando kaj pro tio Hispanio fariĝis ŝatata turista lando.

Kelkaj venis por unusemajna restado, sed post siaj unuaj spertoj decidis resti du aŭ tri semajnojn. Aliaj eĉ bedaŭris ke ili portis kun si pli ol la minimume necesajn vestaĵojn, ŝuojn ktp, ĉar aĉeti ilin en Hispanio donas grandan profiton. Tial ne estas mirige ke la proverbo transformiĝis en: „Ĉu kun mono, ĉu sen mono, bona estas Barcelono".

Jozefo Saladrigas

# LA 13-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-KONGRESO




BARCELONO, Hispanio, 6 ĝis 11 majo 1961

Adreso: 13-a IFEF-kongreso, Estación Termino, R.E.N.F.E. Barcelono.

Kongresejo: Casino del Parque de la Ciudadela.

Bankkonto: 13-a Fervojista Internacia Kongreso de Esperanto, Banco Exterior de Espana, Barcelono, Hispanio.

Protektata de la Sindikata Fako „Educación y Descanso".

## INFORMILO N-RO 3

### ĜENERALAJ INFORMOJ

**Informejoj:**

En la stacidomo Termino ĝi funkcios dum vendredo la 5-a de majo kaj dum sabato la 6-a de majo de la oka horo matene ĝis la naŭa vespere. Ankaŭ dum la samaj tagoj funkcios en la stacidomo Portbou ĉe la landlimo informejo. La akceptejo troviĝas en la kongresejo, kiu situas je kvarminuta distanco de la stacidomo.

**Tombolo:**

Same kiel en aliaj IFEF-kongresoj, LKK aranĝos tombolon dum la kongreso. Gekongresanoj kunportu tipajn donacojn de via lando. La profito estas por nia bulteno „La Internacia Fervojisto".

**Infanoj:**

La infanoj ĝis 14 jaroj ne pagas kongreskotizon.

**Loĝado:**

La rezervigmono (100 ptoj) estos enkalkulata en via pago por via loĝejo.

**Fervoja bileto:**

La plej rekta vojo por atingi Barcelonon estas tra la landlimo Cerbere-Portbou. Por la kongresanoj kiuj ne rajtas vojaĝi senpage per la hispanaj fervojoj, oni anoncas ke la distanco de la landlimo ĝis Barcelono estas 168 km. La prezoj estas la jenaj: 1-a kl. 157 ptoj; 2-kl. 115 ptoj; 3-kl. 72 ptoj. Pri ĉi tiuj prezoj LKK klopodos akiri rabaton.

**Glumarkoj:**

Kiel propagandon pri la kongreso LKK eldonas novan serion de glumarkoj. Ili estas belaspektaj, diverskoloraj kaj kun ok diversaj desegnoj pri la taŭra festo kaj folklora danco.

Interese por kolektantoj estas ke ĉi tiuj glumarkoj estas la unuaj pri tiuj manifestacioj en esperanta eldono.

Mendu ilin ĉe LKK aŭ la landaj sekcioj. Prezo 2 respondkuponoj por tri folioj (24 glumarkoj).

## VOJAĜGVIDANTOJ ATENTU!!!

El Francio ni ricevis leteron, kies interesa enhavo sekvas ĉi tie:
„Por la vojaĝontoj el diversaj landoj (precipe nordeŭropaj) estus bone ke vagonoj (aŭ eble laŭ la nombro, speciala trajno) estu rezervitaj de Parizo al Port-Bou, kaj de Port-bou al Barcelono.
Ĉar estas mia fako kaj ĉar mi laboras surloke, mi estas preta zorgi pri la afero. Mi do petas al ĉiuj landaj respondeculoj ke ili plej eble frue, sed tamen antaŭ la fino de marto, skribu al mi la proksimuman nombron da vojaĝontoj laŭ la datoj 4-5-6 majo ktp.
Foriro de Paris-Austerlitz:
nombro da sidlokoj en la 1-a kaj 2-a kl.
nombro da dormlokoj en la 1-a kaj 2-a kl.
nombro da lokoj en litvagonoj 1-a kaj 2-a kl.
nombro da vojaĝantoj kiuj deziras manĝi en restoracia vagono.
Mi petas ke ili mem ne zorgu siaflanko, ĉar tiam okazus duobla rezervado.
Bonvolu ankaŭ listigi la nomojn por ke la sama persono ne estu kalkulata dufoje. Skribu al Michel Robert, Chambre n-o 3, Bâtiment S.N.C.F., Chemin de la passerelle, Villeneuve-St.-Georges (S.-et-O.), Francio."

## VOJAĜINTERROMPO EN LYON

La partoprenontoj de la XIII-a kongreso de IFEF, kiuj intencas trapasi kaj viziti Lyon en Francujo dum la vojaĝo al Barcelono povos peti helpon de la loka grupo de FFEA. Ili sin turnu kaj anoncu al ĉisupra adreso: Esperanto Fervojista Klubo „Guillotiere-Esperanto", 6 Str. Zimmerman, LYON (VII), Rhône, Francujo.

## KONGRESPROPONOJ

1. **De la IFEF-estraro:**
   La kotizo restu la sama.

2. **De la IFEF-estraro:**
   a) En art. 1 de la IFEF-regularo ni ŝanĝu la vorton „estraro" en: „sekretario". Ĝi do tekstu: „La internacia federacio de fervojistaj esperantistoj nomata: Internacia Federacio Esperantista Fervojista (IFEF), fondita la 14-an de aŭgusto en Amsterdam, Nederlando, havas sian sidejon en la lando, kie loĝas la sekretario.
   Ĝi estas en ĉi tiu regularo nomata: La Federacio.

   b) El art. 8 de la IFEF-regularo ni forigu la vortojn: „ĉiuj loĝantaj en la lando de la sidejo". Tiu artikolo do tekstu: „La Federacia estraro, ankaŭ nomata Ĉefestraro, konsistas el minimume kvin membroj. Ĉiujare en la kongresa monato ĝi eksiĝas, sed estas tuj reelektebla. Prezidanto, sekretario kasisto kaj redaktoro estas individue elektataj. La aliajn funkciojn la estraro dividas inter si. Kandidatojn por la ĉefestraro proponas la landaj organizoj, la izolaj membroj kaj la ĉefestraro mem."

   **Komentario:**
   Laŭ la IFEF-regularo la tuta ĉefestraro devas loĝi en la sama lando. Kiel per la spertoj de la lastaj jaroj montriĝis, tio ne plu eblas kaj grave malhelpas trovi solvon por la nunaj estraraj problemoj. La fakto ke IFEF nepre bezonas novajn taŭgajn fortojn por la kompletigo de la ĉefestraro, devigas nin ŝanĝi kelkajn regular-artikolojn tiel, ke estontaj estraranoj rajtas loĝi ankaŭ en malsamaj landoj.

3. **De la IFEF-estraro:**
   La iniciatinto de fervojista fakkunveno dum UEA- aŭ SAT-kongreso, plejeble baldaŭ post tiu kunveno, sendu koncizan raporton pri ĝi al la IFEF-estraro.

4. **De la IFEF-estraro:**
   La kongreso elektu komisionon por esplori la eblecon eldoni skriban Esperantan kurson, kiu enhavu ĉefe esprimojn el la fervoja fako, kaj kiu estas aplikebla por ĉiuj landoj, aliĝintaj al IFEF.

5. **De GEFA (Germanio):**
La LKK-oj pli ol ĝis nun eluzu la teknikajn eblecojn de la nuntempo dum la aranĝajoj de niaj kongresoj.

**Komentario:**
Oni uzu mikrofonojn kaj laŭtparolilojn ekz. en la solena malfermo, en la laborkunsidoj, fakprelegoj kaj je aliaj favoraj okazoj, por ke ĉiuj parolantoj estu kompreneblaj.
Oni surbendigu gravajn aranĝajojn aŭ parte aŭ komplete. La bendoj poste estu uzeblaj por prezentado en diversaj landoj.

6. **De GEFA (Germanio):**
IFEF havigu al si kelkajn sonbendojn, sur kiuj laŭ la kutimo en aliaj internaciaj organizajoj ĉiujare la diskutoj de la estrar-delegitar-kunveno, de la laborkunsidoj kaj de la respektivaj aliaj aranĝajoj estos fiksataj. Antaŭ la sekvonta kongreso oni forigos la tekstojn kaj la bendoj denove estos je dispono.

**Komentario:**
Tio estus granda plifaciligo por estraro, redaktoro kaj protokolanto. Ne plu necesus tute detala protokolo. La protokoloj en la internacia organo povus esti verkataj laŭ la sonbendteksto. Eraroj tiamaniere estus eviteblaj. Sonbendmikrofono certe ekzistos en ĉiu kongreslando.

7. **De GEFA (Germanio):**
LIF enhavu **konstantan** rubrikon „Interesaj okazontajoj", kie la redakcio indiku **tute koncize** „kalendaron" pri jarkunvenoj, feriosemajnoj ktp.

**Komentario:**
Tiamaniere ĉiuj IFEF-anoj povus informi sin daŭre kaj sufiĉe frue pri ĉiuj eblecoj, kiam kaj kie en la venonta tempo oni povas pasigi sian libertempon en Esperantujo.
La „kalendaro" nur valorus, se ĝi enhavus ĉiujn ĵus aktualajn informojn, eĉ plurfoje.

# TAGORDOJ

## TAGORDO DE LA LABORKUNSIDOJ

1. Malfermo.
2. Ricevitaj salutleteroj kaj telegramoj.
3. Rimarkigo pri la kongresraporto de Helsinki.
4. Pritrakto de la jarraportoj:
   a) de la sekretario;
   b) de la kasisto;
   c) de la redaktoro.
5. Konciza raportado pri la Terminara kaj Redaktora kunvenoj.
6. Raportado de la komisiono por fakprelegoj.
7. Pritrakto de la kongresproponoj.
8. Estrarelekto (la tuta estraro estas reelektebla).
9. Elekto kaskontrola komitato.
10. Elekto konflikta komitato.
11. Elekto de la kongresloko en 1962 kaj la provizora en 1963.
12. Resumo de la kongresdecidoj.
13. Libera diskutado.
14. Fermo de la laborkunsidoj.

## TAGORDO DE LA ESTRARA KAJ DELEGITARA KUNVENO

1. Malfermo.
2. Raportado de la komisiono por estrarelekto.
3. Diskutado pri la raportoj de la landaj sekcioj.
4. Priparolo de kongrespropono n-ro 4, kaj eventuale de aliaj proponoj.
5. Libera diskutado.
6. Fermo.

## TAGORDO DE LA TERMINARA KUNVENO

1. Malfermo.
2. Raportoj de la landaj kunlaborantoj pri la farita laboro.
3. Sugestoj pri nova tasko.
4. Libera diskutado.
5. Fermo.

## TAGORDO DE LA REDAKTORA KUNVENO

1. Malfermo kaj raporto de la IFEF- redaktoro.
2. Priparolo de la raportoj de la landaj redaktoroj.
3. La rezulto de la Referendumo pri „La Internacia Fervojisto".
4. Priparolo projekto de nova bultenkapo.
5. Fermo.

---

*LA IFEF-ESTRARO DEZIRAS AL ĈIUJ MEMBROJ FELIĈON KAJ PROSPERON EN 1961*

---

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 1960

Malnova jaro denove finiĝis, la tioma en la vivo de nia organizo; por esti preciza ĝi estis la dekdua Intertempe ni jam transpaŝis la sojlon en la novan jaron kaj staras per ambaŭ kruroj jam en ĝi rigardante antaŭen al estonta periodo por ni ĉirkaŭita en nebulo. Kion alportos la nova jaro al nia movado? Demando, al kiu ni provizore ŝuldu respondon por ke ni unue rigardu malantaŭen al la laboroj faritaj kaj la rezultatoj atingitaj en la malnova jaro. Por konstati ĉu la evoluado de la organizo estis favora aŭ malfavora oni bezonas klaran superrigardon kaj tial la ĉefestraranoj de IFEF verkas kaj prezentas siajn jarraportojn al la membraro kaj legantaro. El ili oni ĉerpu la konkludojn pri ĉio, kio okazis en la pasinta jaro kaj meditadas pri tio kio nepre bezonos plibonigojn.

Kiam ni eniris la pasintan jaron kun bona espero pri baldaŭa mondpaco, la malsukceso de la mondkonferenco en Parizo sendube liveris al ni seniluziigon kaj anstataŭ baldaŭa paco, ĝi ŝajnas al ni pli malproksima ol iam antaŭe. La mondo fariĝis eĉ pli maltrankvila pro la multaj okazintaĵoj, kiujn ni certe ne bezonas mencii.

Ankaŭ en nia organizo regis iom da maltrankvilo, grandparte pro la fakto, ke ankaŭ en ĝi okazas neevitablaj ŝanĝoj. Por tiuj ŝanĝoj ni ne fermu la okulojn sed ni klopodu laŭ organiza vojo reguligi ilin laŭpove, saĝe kaj harmonie. Kiam ni antaŭ 13 jaroj komencis konstrui nian organizon regis inter la fondintoj admirinda entuziasmo kaj multpromesa laboremo. Dank' al la aliĝo de novaj aktivuloj kun la samaj entuziasmo kaj laboremo la konstruado estis daŭrigata. Pro tio la jarraportoj neniam menciis regreson, kontraŭe, ĉiujare nia organizo iris supren kaj ankaŭ ĉijare ne venis ŝanĝo en tiu por ni ĝojiga evoluado. Ni estu do dankaj al ĉiuj, kiuj kontribuis al tiu sukceso kun granda sindono.
La neeviteblaj sanĝoj kaj eventualaj malfacilaĵoj neniam ĝenu nin en nia giganta tasko.
Ankaŭ en la pasinta jaro la morto forprenis el niaj vicoj kelkajn fidelajn amikojn. En Aŭstrio mortis niaj kolegoj Anton Seiwald, la konata reprezentinto de IFEF en Bregenz, Johann Belic kaj Otto Füby. En Nederlando E. Nore kaj P. Schuim, kiu lasta restis fidela al nia movado malgraŭ li dum la tuta ekzistado de IFEF ne povis partopreni la manifestaciojn de IFEF pro la longdaŭra malsano. En Britio mortis nia plej aktiva membro W. Stowell, kiu dum sinsekvo da jaroj vizitis ĉiujare nian sekretariejon kun la edzino kaj laste en Ĉeĥoslovakio nia plej maljuna kolego J. Rebiĉek, kiu energie okupis sin dum la vivo pri nia fakterminaro kaj fakte estis la iniciatinto de la Terminara laboro de IFEF.
Jam en nia dua kongreso (Salzburgo) la sekretario de IFEF transdonis liajn manuskriptojn kaj alian materialon, per kio oni komencis la laboron en la Terminara Komitato.

Sendube ĉi tui funebra listo ne estas kompleta ĉar oni ne ĉiam akurate informas nin pri la morto sed respektplene ni memorigu iliajn gravajn meritojn por nia fakmovado, al kiu ĉiuj donis siajn plej bonajn fortojn.
Dank' al ilia fidelo IFEF restis seninterrompe kreskanta organizo; ili estu por ni ekzemplo inda! Ke ili ripozu pace!
Flanke de nia doloro pri la mortintoj ankaŭ la informoj pri la malsano de du el niaj plej aktivaj kolegoj maltrankviligis nin. Depost nia dekunua kon-

greso en Linz nia juna kolego Geroldinger jam luktadas kun malsano, en li oni jam vidis indan anstataŭonton por la nuna sekretario de IFEF.
Al kolego Braendstrup (Danlando) la malsano eĉ kaŭzis maldungon el la fervoja servo. De ĉi tiu loko ni deziras al ambaŭ baldaŭan resaniĝon.
La jam skribitaj enkondukaj vortoj fakte jam sufiĉas por prezenti al si la situacion de IFEF fine de la ĵus pasinta jaro. Jes, ĝi estas denove pli ol kontentiga... almenaŭ se oni nur atentas la kreskantan membronombron. Ne estus malfacile por mi nur prezenti al vi ĉiuj la sunan flankon sed sen pesimismo ni ankaŭ havas la taskon prezenti al la membraro la nigrajn punktojn. Pri tio mi nur povas rekomendi al vi ankoraŭfoje relegi la enkondukajn vortojn de mia pasintjara raporto, precipe la lastajn alineojn. Ne estas eble sufiĉe atentigi pri la realaj faktoj, por ke ni mem firme tenu en la manoj la potencon gvidadi nian organizon laŭ la vojo supren. En la pasinta jaro okazis multaj ŝanĝoj en la landaj estraroj kaj en nia kongreso en Helsinki komisiono estas elektita por formi novan ĉefestraron, kiu ekfunkciu nepre en 1963.
„Kune ni devos travivi la transiran periodon en nia organizaĵo, malnovaj vizaĝoj malaperis aŭ malaperos, **novaj estos prezentataj al vi.**"
Jen mi citas la vortojn el mia pasintjara raporto, kiuj ankaŭ nun estas aktualaj. Estas do ĝojige ke la komisiono komencis sian taskon kun vera akurateco, kiu donas al ni bonan perspektivon pri solvo de tiu ĉi problemo en nia kara IFEF.
Estis nur pro malagrabla koincido de hejmaj cirkonstancoj, ke la sekretario ne povis ĉeesti nian kongreson en Helsinki, sekve ne estas kaŭzo pro internaj malfacilaĵoj. Ne okazis tamen grava stagno kaj ni povis plenumi ĉiujn petojn kaj dezirojn. Estas tamen necese atentigi la koncernajn membrojn, ke la administraciejo de IFEF ne ĉiutage estas malfermita sed ni ankaŭ nur povas plenumi eventualajn dezirojn laŭ nia povo.
Okazis, ke oni ne atentas interkonsentojn pri alveno kaj eĉ ne donas la necesan tempon por la organizado de restado, tiaokaze ne estas eble akcepti la respondecon pri kontentiga sukceso. Feliĉe estas nur escepto sed ni nepre evitu tiajn malagrablaĵojn.
Malgraŭ nia kongreso okazis ĉijare en la alta nordo, ĝi estis brila kaj sukcesplena. La ĉefestraro opinias nome de ĉiuj gepartoprenintoj tutkore danki LKK-on pro la giganta laboro farita por atingi ĉi tiun sukceson. Ankaŭ ĉijare kelkaj el niaj kolegoj ricevis distingaĵon, la arĝenta honormedalo de la urbo „Parizo", inter kiuj niaj prezidanto kaj sekretario. Tiun honoron ni volonte dividas inter ĉiuj, kiuj tiom energie kaj aktive laboris por nia fakmovado, en la ĉefestraro, landaj estraroj kaj inter la multaj individuaj membroj.
La celon ni nur povas atingi per harmonia kunlaborado kaj ni sentu nin feliĉaj, ke ni esence disponas pri tiom granda nombro da aktivuloj, kies nomoj ofte estas nekonataj sed kiuj senbrue kaj nevideble grave kontribuas al la elkonstruado de IFEF.
Al ĉiuj LKK-anoj en Helsinki ni do esprimas nian sinceran dankon pro la gigantaj laboroj faritaj kaj pro la instigo, kiun ĉiuj kunprenis hejmen post la bonege sukcesinta kongreso.
La ĉefestraro de IFEF ne volas preterlasi ĉiloke la okazon esprimi sian plej sinceran dankon al la Sveda Fervojista Sindikato en Stokholmo, kiu tiom malavare prezentis al la kongrespartoprenintoj aŭtobus-veturon kaj ŝipveturadon tra la akvoriĉa ĉefurbo. Estis granda surprizo por ĉiuj, ke sindikato montris tiel sian grandan simpation pri nia movado.

**La membronombro:**

Kiel jam dirite ankaŭ ĉijare la membronombro konstante kreskis kaj mi tuj donu komparojn.
Fine de la jaro 1959a la membronombro estis **2213** kaj fine de la jaro 1960a ĝi estis **2425**. Aliĝis do ne malpli ol **212** novaj membroj.
La membronombro en la diversaj sekcioj estas nun:
Nederlando 141 (141), Francio 317 (317), Danlando 102 (102), Aŭstrio 208 (177), Svislando 109 (101), Norvegio 54(54), Svedio 142 (142), Germanio 652 (571), Aŭtralio 15 (15), Italio 98 (74), Finlando 57 (50), Britio 32 (39), Belgio 26 (23), Bulgario 100 (100), Jugoslavio 129 (129), Hispanio 159 (108), Pollando 17 (17), Hungario 51 (30).
La nombro da izolaj membroj restis konstanta: 24 (24), ankaŭ la nombroj da sekcioj kaj landoj ne ŝanĝiĝis en la pasinta jaro kaj restis 18 kaj 24.
El la ĉisupra komparo la grava kresko en Germanio estas tre okulfrapa kaj GEFA pro tio fariĝis elstara sekcio sur la supro. Grava ankaŭ estas la kresko en Aŭstrio, Italio, Hispanio kaj Hungario, dum en kelkaj sekcioj la membronombro restis stabila. Ĝojiga estas la pligrandiĝo de la membronombro en la malgranda lando de nia lasta kongreso, Finlando.
Bedaŭrinde estas, ke ni ne jam sukcesis fondi sekcion en Brazilo malgraŭ niaj klopodoj. La kaŭzo tre verŝajne estas perdiĝo de niaj korespondaĵoj sed ni esperas forigi la malagrablaĵon.
La statistiko pri la kresko de la membronombro sendube donas al ni ĉiuj ĝojon. Parenteze vi trovas la nombrojn de la pasinta jaro.

**La estraro kaj administrado:**

En la estraro ne okazis ŝanĝoj kaj fakte mi povas citi la samon el mia pasintjara raporto. La harmonio inter la ĉefestraranoj estas bonega, ili regule kunvenas por pritrakti la organizajn aferojn. Preskaŭ en ĉiu estrarkunveno estis punkto en la tagordo pri la formado de nova ĉefestraro, ĉefe kaŭze de la cirkuleroj, kiujn sendis al ni kolego Greutert kiel gvidanto de la elektita komisiono. Ne estas facila tasko malgraŭ nia movado disponas pri tre taŭgaj anstataŭontoj, sed ĝenerale ili loĝas tro malproksime unu de la alia, kio plimalfaciligas la taskon.
Dum kelkaj jaroj ni nun luktas kun la sama problemo kaj ni devas akcepti la realan fakton, ke en Nederlando la fonto, el kiu ni ĉerpis la kandidatojn por la ĉefestraro, elĉerpiĝis. Nek el la ĉefestraro nek el la nederlanda sekcio (FERN) venis propono de nova kandidato por nia estraro. Precipe tio igas la aferon implika kaj necesigas kelkajn ŝanĝojn en la regularo. Malluma tamen ne estas la estonto por nia organizo ĉar oni metis la unuan paŝon sur la vojon al kompleta reorganizado.
Racia gvidado en tiu ĉi problemo kondukos al kontentiga solvo por la bono de IFEF.
Laŭpove la ĉefestraro delegis reprezentanton al gravaj kunvenoj, escepte la sekretario la ĉefestraro ĉeestis la kongreson en Helsinki, nia kolego Poptie reprezentis la IFEF-estraron en Bruselo dum la fervojistar-tagoj, la prezidanto, sekretario kaj honorprezidanto ĉeestis la jarkunvenon de GEFA en Trier, dum la kasisto Oosterwijk kiel reprezentanto de la ĉefestraro ĉeestis la jarkunvenon de FFEA en Parizo.
Ni dankas al ĉiuj pro la afablaj invitoj kaj la gastameco dum tiuj restadoj. La impresoj, kiujn ni kunportis hejmen, tute konvinkis nin, ke ĉie oni serioze

laboras kaj nia movado plenumas specialan taskon en la Esperanto-movado ĝenerale.
En 1960 la sekretario ricevis 413 korespondaĵojn kaj forsendis 184 leterojn kaj poŝtkartojn.
Laŭ la kongresdecido en Helsinki la sekretario turnis sin al kelkaj artistoj en nia rondo kun peto skizi novan kapon por nia organo. Ĉiuj estis tiom bonvolaj akcepti nian peton kaj sendis verajn artaĵojn.
Estis niaj kolegoj Rasmussen el Danlando, Bürger el Aŭstrio, Retault el Francujo, Barnickel el Germanio kaj Barks el Britio, kiujn ni tutkore dankas pro la kontribuaĵoj.
Restas al mi ankoraŭ la deziro danki al ĉiuj, kiuj faciligis al mi la laborojn en la pasinta jaro, kaj pro la torento da bondeziroj okaze la jarŝanĝiĝo. La malfacila periodo por mi pasis kaj mi arde esperas, ke ankaŭ en la nova jaro la korespondado konduku al progresoj.

**La perspektivo:**

Post la rigardo malantaŭen ni ankaŭ deziras rigardi antaŭen, en la novan organizan jaron. Kiam ni pririgardas la nunan situacion de IFEF, estas nur kialo por ĝoji same kiel en la pasintaj jaroj. Sendube estas mankoj sed tiujn la ĉefestraro ankaŭ bone konscias.
Ĉiun detalon oni tamen pririgardu aparte ĉar por plibonigoj en organizo la estraro unue havu la fundamenton por realigi ilin. La problemoj estas aparta ĉapitro, kiujn ni komune solvu en la laborkunsidoj de nia kongreso per la disponeblaj rimedoj. Ĉe la komenco de la nova organiza jaro estas ĝojige povi mencii, ke la ĉefestraro decidis realigi kelkajn plibonigojn. Ekstraj subtenoj al nia organo ebligis la eldonon de dika gazeto en februaro, pro kio ni tutkore dankas LKK-on en Helsinki kaj nia Sveda sekcio.
Atenta leganto post la legado de tiu ĉi jarraporto venos al la konkludo, ke IFEF ankoraŭ konscie marŝas antaŭen kvazaŭ ne ekzistas bariloj sur nia vojo. Tia esence la situacio estas sed estas niaj zorgoj, ke ni ĝustatempe forigu obstaklojn, kiuj povus bari al ni la vojon en tiom favora evoluado. Nia dektria kongreso en Barcelona rapide alprokisimiĝas kaj la intereso por partopreni ĝin estas granda. Se ni ĉiuj decidu iri tien kun la plej bonaj intencoj helpi al solvoj de la kelkaj problemoj, tiam IFEF ankaŭ en la venontaj jaroj pligrandiĝos kaj plifortiĝos.
Por ĉiu IFEF-membro estas tasko en nia movado, kiun oni mem povas elekti, unue resti fidela al nia fakmovado, due flanke de tio partopreni en la laboroj, ĉu en la propagando, la varbado de novaj membroj, la gvidado de kursoj aŭ per akcepto de funkcio en iu estraro.
Movado, kiu disponas pri granda nombro da fortoj por vakantaj lokoj, povas eniri la estonton senzorge kaj esperplene!
Ke vi ĉiuj montru viajn entiuziasmon kaj amon por nia movado jam antaŭ nia kongreso en Barcelona per la realigo de nia devizo:

Ĝis la revido en Barcelona!

La sekretario: J. LOK

---

## ORAJ PENSOJ

Serĉu la veron, amu la veron, lernu la veron, aŭdu la veron, konservu la veron, defendu la veron ĝis la morto — Johano Hus

---

# RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1960

**Enspezoj**

| | |
|---|---|
| Landaj kotizoj | f 3.563,78 |
| Abonantoj/simpatiantoj | „ 220,75 |
| Subteno L.I.F. | „ 486,15 |
| Rentumo 1959 | „ 50,99 |
| Kotizo adoptitaj anoj | „ 27,30 |
| Repago elspezoj por la Helsinkia kongreso | „ 100,35 |
| Venditaj IFEF-glumarkoj | „ 10,80 |
| | f 4.463,43 |

**Elspezoj**

| | | |
|---|---|---|
| Preskostoj L.I.F. | | f 2.634,75 |
| Afrankkostoj L.I.F. | | „ 198,95 |
| Afrankkostoj estraro | | „ 62,74 |
| Klišoj | | „ 73,05 |
| Reprezentkostoj | | „ 26,70 |
| Kontorbezonajoj/riparoj | | „ 175,40 |
| Kotizo U.E.A./S.A.T. | | „ 30,— |
| Estrarkunvenoj | | „ 12,50 |
| Propagando | | „ 62,75 |
| Telefonkostoj | | „ 1,35 |
| Bankkostoj | | „ 1,39 |
| Nova kasenhavo | f 3.010,49 | |
| Malnova kasenhavo | „ 1.826,64 | |
| Surpluso | | „ 1.183,85 |
| | | f 4.463,43 |

### Bilanco de IFEF je la 31-a de decembro 1959

| | | |
|---|---|---|
| Kapitalo je 1-1-1960 | f 1.826,64 | |
| Surpluso 31-12-1960 | „ 1.183,85 | |
| Banko | | f 3.010,49 |
| Pagenda kotizo: | | |
| a) sekcioj | „ 512,50 | |
| b) adoptitaj anoj | „ 26,50 | |
| c) izolaj anoj | „ 13,50 | |
| | | „ 552,50 |
| Skribmašinoj | | „ 1,— |
| Glumarkoj | | „ 54,57 |
| Aliaj havajoj | | „ 21,— |
| | | f 3.639,56 |

### Budĝeto pri la jaro 1961

**Enspezoj**

| | |
|---|---|
| Kasenhavo | f 3.010,49 |
| Kotizo | „ 3.500,— |
| Donacoj L.I.F. | „ 100,— |
| Vendotaj glumarkoj | „ 5,— |
| Abonantoj L.I.F. | „ 52,50 |
| Pagenda kotizo | „ 552,50 |
| Subtenantoj | „ 60,— |
| Rentumo | „ 50,— |
| | f 7.330,49 |

**Elspezoj**

| | |
|---|---|
| Preskostoj L.I.F. | f 3.000,— |
| Afrankkostoj L.I.F. | „ 250,— |
| Estrarkunvenoj | „ 20,— |
| Administraciaj kostoj | „ 150,— |
| Kotizo U.E.A./S.A.T. | „ 30,— |
| Diversajoj (klišoj ktp) | „ 150,— |
| Neantaŭvidotaj kostoj | „ 150,— |
| Kapitalo | „ 3.010,49 |
| Surpluso | „ 570,— |
| | f 7.330,49 |

Mi dankas la landajn kasistojn por ilia bona kunlaborado.

E. R. Oosterwijk

La kaso estas kontrolita je la 5-a de januaro 1961, kaj ni trovis ĉion en bona ordo. Ni dankas la kasiston por lia serioza laboro.

J. A. Vermaak
J. Becker
W. Stapel

# JARRAPORTO DE LA REDAKTORO

Same kiel en la pasinta jaro nia organo aperis sesfoje. La nombro da paĝoj pligrandiĝis ĝis 80 (pasintjara 72).
Laŭ kongresa decido mi nombris la eldonojn de oktobro kaj decembro per 7 kaj 8 kaj komencis do la jaron 1961 per n-ro 1.
Ĉar nia organo estas de, kaj por niaj membroj, mi prefere presigis artikolojn, verkitajn aŭ tradukitajn de niaj membroj, kaj ankaŭ novaĵon el la landaj organoj. Mi havas kelkajn kunlaborantojn, kiuj regule sendas al mi artikolojn, sed tiuj kelkaj ne sufiĉas. Antaŭ du jaroj ni en kongresa kunsido jam priparolis la deziron, ke en ĉiu lando estu unu kolego, kiu prizorgu artikolojn por L.I.F. Unu lando akurate plenumas tiun deziron, nome Germanio. Ĝi zorgas pere de kol. Barnickel ke en ĉiu numero de LIF mi povas aperigi novaĵon ĝenerale interesan.
Por fari nian gazeton alloga por ĉiuj, necesas tamen ke ĉiuj landoj kunlaboru. Estos bone ke ni priparolu tiun punkton en la redaktora kunsido. Al prizorgantoj de feriosemajnoj mi konsilas ne sendi ampleksajn programojn, ĉar vere mi ne povas dediĉi tutan paĝon al ĉiu aparte. Logike estas ke diversaj revuoj anoncu la okazontaĵojn kaj ke la organizantoj de la renkontiĝoj sendu detalan programon al petantoj.
En la lasta kongreso ni decidis ke la landaj redaktoroj referendumu pri la enhavo de LIF. Tiucele mi sendis demandlistojn al la koncernaj redaktoroj. La ĝenerala sekretario skribe petis al kelkaj fakuloj inter niaj membroj desegni por LIF novan titolkapon. Ankaŭ tiujn punktojn ni pritraktu en la redaktora kunsido.
La rubriko „Lingvaj demandoj" ŝajnis esti nebezonata, ĉar post la vaste diskutita: „Vagonaro - Trajno", mi ricevis plu neniujn demandojn.
Ni tamen daŭrigos se necese.
La rubriko „La legantoj parolas" estas iom pli uzata, kaj mi forte deziras ke ĝi daŭre interesos niajn membrojn, por ke nia gazeto per tiu rubriko fariĝu la Heroldo de la legantoj.
Antaŭ ol fini mian raporton mi deziras danki ĉiujn amikojn, kiuj sendis al mi kaj mia edzino bondezirojn por la nova jaro, kiujn dezirojn ni volonte reciprokas.

H. Hoen.

---

La 9-an de januaro mortis pro fervoja akcidento nia membro lokomotivisto

**José Louis Maroto Ecnevarria**

Kolego Ecnevarria estis 31 jara kaj aliĝis pasintjara al la esperanto-grupo.
Ni tutkore kondolencas nian hispanan sekcion kaj la familion de nia juna amiko pro tiu tragedia perdo.

---




*La foto montras la kursanojn. La kvina persono de maldekstre en la unua vico estas s-ro Windhager. Apud li kursgvidanto Geroldinger.*

# JUNULARGRUPO DE ÖBB-ĈEFRIPAREJO EN LINZ

En la nuna tempo, en kiu la Esperanto-organizoj en multaj landoj nur pene sukcesas okazigi elementan kurson, estas agrable ricevi komunikon pri sukcesplena varbo fare de nia juna kaj entuziasma kolego Geroldinger en Linz. Ĉar supozeble multaj el niaj propagandistoj scivolas pri la varbmaniero de kolego Geroldinger, ni donas la parolon al li.

„Finfine post longdaŭraj klopodoj mi fiere povas komuniki pri la sukceso aranĝi Esp-kurson por 53 metiaj lernantoj de la fervoja ĉefriparejo en Linz. La administracio de la Aŭstriaj Fervojoj oficiale akceptis tiun kurson. La lernantoj komune loĝas en moderna, novkonstruita hejmo. Antaŭ proksimume du jaroj vekiĝis en mia cerbo la penso: nepre oni devas esperantigi nian junularon.
En tiu senco mi komencis iom post iom pli konstante aranĝi lumbildprezentadojn, rakontojn kaj publikigi gazetajn fotojn ktp. kiuj montras la valoron de nia internacia lingvo.
La plej gravan aferon mi tuj ekkonis: interesigi por Esperanto unue la ĉefojn de la lernantoj. Kiam ĉiuj plej gravaj personoj esprimis al mi la simpation por nia movado mi klopodis kun grava subteno de la ĉefo de la lernanta laborejo s-ro A. Poste kaj la hejmestroj E. Windhager kaj K. Populorum, kiu lasta jam fervore studadas nian lingvon kaj fariĝis aktiva membro. La rezultato nun estas ke mi gvidas kurson por la metio-lernantoj en du partoj kun entute 53 junuloj.''

J. Geroldinger



# LA REĜO POSTULIS FERVOJON

Antaŭ dek jaroj oni montris al juna Bedueno, vestita en flirtanta burnuso, la aparaturon de tute nova dizel-elektra lokomotivo, kiun li devos veturigi. Oni elektis lin kiel unuan maŝiniston en Sauda Arabio, sed ankoraŭ neniam antaŭe li vidis lokomotivon.

„Sed", li demandis, „kie estas la rado por direkti la aferon?"

Kiam la amerikanoj klarigis al li, ke direktilo ne estas bezonata, li kapjesis serioze kaj diris: „Kiel ni ĉiuj, ankaŭ tio-ĉi estas en la mano de «Alah»".

Sendube „Alah" favoris la Sauda-Arabian-Ŝtatfervojon. La SASS estas rimarkinda fervojo, 366 mejlojn longa; ĝi etendiĝas de Damman ĉe la Perza Golfo ĝis Riad, la ĉefurbo en la dezerto.

Ĝi estas la plej moderne ekipita fervojo en la mondo, sed ĝia dungitaro venas rekte de la kamela dorso-selo. La Araboj nomas la fervojon: „La Reĝa Fera Vojo", kaj vere nenia dubo pri tio, ke SASS estus neniam konstruita sen la fera volo de la nun mortinta Reĝo Ibn Saud.

Riĉiĝinta per la tantiemoj de la Arab-Amerika-Oleo-Kompanio (Aramko), li jam dum jaroj ĝistede obstinis ke la kompanio konstruu por li fervojon. En 1947 la aŭtoritatuloj de Aramko prezentis al li la rezultatojn de plej detala studo, kiuj devus pruvi, ke por la lando multe pli praktika kaj profita estus densa reto de ŝoseoj.

Lia Moŝto bezonis apenaŭ du minutojn por konkludi, ke tiuj konsiloj estas rekte kontraŭ lia dorlotita plano.

Senhezite li decidis: „Oni ne miskomprenu min. Mi havu fervojon".

Forta bato sur la tablo substrekis ĉi tiujn vortojn.

Kvar jarojn kaj 52.500.000 dolarojn postulis la konstruado de la fervojo. La 20-an de oktobro 1951 Ibn Saud sidis kun brilanta mieno en sia rulseĝo kaj kun streĉita atento li observis kiel la kronprinco enbatis la lastan-orumitan-najlon. La Ĝenerala Direktoro de la fervojo, James H. Gildea, iu veterano de la „Union Pacific Railway" singarde tenis ĝin. Pro nura entuziasmo Saud donacis novan aŭtomobilon al Gildea, oran sabron al ties unua asistanto, kaj horloĝojn aŭ burnusojn al aliaj.

Eĉ la plej simplaj laboristoj ricevis donace ŝafojn aŭ sakojn kun arĝentaj moneroj. Kio ajn estis la donaco, ĉiu plene meritis ĝin.

La fervojo estas konstruita en la sekeca dezerto, kie regas brula varmego de preskaŭ 130 gradoj. La plej grandega maloportunaĵo estis la sablo. Kiam oni sternis la relojn sur la dunoj, la subkonstruaĵo iom post iom forŝoviĝis; kiam oni sternis ĉe la piedo de la dunoj, tiam ili baldaŭ inundis la tutan konstruitaĵon.

Efektive ekzistis nur unu rimedo por bridi la ĉiam moviĝantan sablon, nome kruda oleo. En plej urĝa neceso la inĝenieroj „glaciigis" la dunojn, kovrante ilin per oleo. Aliloke ili ebenigis larĝajn striojn ĉe ambaŭ flankoj de la trako kaj spruĉis oleon sur ilin, por ke la suno baku el tio tute glatan kruston. Kiam poste iu „promenanta duno" atingis tiun trakparton, tiam la sablo, pelata de la vento, senhalte glitis trans la trakon. La malfacile venkebla sablo kaŭzis ke ĉi tiu fervojo povas fieri ke ĝi estas pli moderna ol ĉiu alia fervojo, kie ajn en la mondo.

Plej multaj fervojoj uzas telefonon kaj telegrafon por siaj dejoraj rilatoj, kaj kontrolaj servoj. Sed ĉi tie la miliardoj da sableroj, bombardantaj la dratojn, kaŭzas tiom da perturboj ke efika interkontakto fariĝis neebla. Nur unu solvo restis: radio kun tre alta frekvento. La instalaĵo kostis al SASS 1500.000 dolarojn; sed ĉiu lokomotivo kaj ĉiu stacio havas radio-telefonon.

Unualoko por ĉiu fervojo gravas la kapableco de la dungitaro kiu ĝin servas. En Sauda-Arabio 99,9 % el la popolo ankoraŭ neniam vidis fervojon. Malgraŭ tio Ibn Saud nepre

postulis ke liaj propraj regnanoj estu edukataj por funkcii en trajnoj kaj stacioj. Sendube la sukceso de la rapidkursa instruado estis la plej granda triumfo de ĉi tiu fervojo. Hodiaŭ la trajnoj de SASS veturas tre akurate, sen la helpo de iu ajn Usona dungito, krom iuj inspektoroj por foja kontrolado. Ĉie en la mondo tiu sukceso estus rimarkinda; en Sauda-Arabio ĝi estas miraklo.
Dum du monatoj la Araboj frekventas la lernejon de SASS, kiu estas gvidata de Usonanoj. Dum tiu periodo ili ricevas plenan salajron. Poste ili laboras praktike dum du monatoj. Post bona progreso sekvas denove dumonata kurso ktp, ĝis kiam ili atingas la laŭeble plej altajn funkciojn.
Estontaj staciestroj ricevas solidan instruon dum ses monatoj, nepre bezonatan, konsiderante almenaŭ la malfacilaĵojn kiujn ili spertas



en sia servo. Multe da tempo bezoniĝas por komprenigi al la Beduenoj ke senpaga veturado estas malpermesita. Kelkaj senskrupule montris al la staciestro iun paperaĵon kun deklaro ke la posedanto rajtas libere veturi, kaj kvankam tiu papero ĝenerale portas la subskribon de iu ajn kiu majstras la skribarton, la deĵoranto devis singarde ĝin konsideri, ĉar pluraj ŝejkoj kaj emiroj estas ege potencaj.
En tuta mez-oriento neniu prudenta homo konsentas pagi la sumon, postulatan por iu artiklo aŭ servo. Kiam do la staciestro postulis 29 rialojn por bileto al Riad (unu rialo estas proks. 27 dolarcendoj) la Bedueno proponis 15. „Dudek naŭ" persistis la staciestro iom malgaja, ĉar li mem kutimis marĉandi. „Dek ok". „Dudek naŭ". Eĉ kiam la Bedueno komprenis ke ĉi tie temas pri vere serioza postulo, li pripenseme nombris unu post alia, la grandajn arĝentajn rialojn, ĉiam pli malrapide, esperante ke fine oni kompatos lin. „Estas absolute malpermesate eniri la kupeon kun tiom da pakaĵoj, kaj vi ankaŭ ne rajtas sidi apud viaj kofroj en la pakaĵvagono", oni ofte devas diri, ĉar neniu Bedueno volas lasi sian pakaĵon kontraŭ kvitancbileto al la deĵoranto. El tio sekvas vastaj diskutoj kun la staciestro. Ekstreme malfacila estis la kompilado de uzebla hortabelo kaj regularo. Krom la plej gravaj stacioj kie haltas la trajnoj, ekzistas ankaŭ malpli gravaj kie la Araboj — post elĵetado de siaj pakaĵoj — saltis el la pluveturanta trajno, ĝis fine ili spertis kion signifas 50-mejla rapideco.
Ĉiu haltejo havas sian propran-lokan-tempon ŝanĝiĝantan ĉiutage, ĉar ĝi estas la suna tempo! Tiel povas ekzisti diferenco de preskaŭ 30 minutoj inter la komenca kaj fina stacio de la linio. Ĉi tio praktike malebligas aplikadon de unutraka linio por pasaĝeraj- kaj frajtvagonaroj.
Iom post iom SASS efektivigis horaron bazitan sur iu araba norma tempo, enkondukotan por la tuta lando, se la Araboj akceptas tiun tutlandan tempon. Ĉi tiu horaro kontentige funkciis, ĝis kiam la reĝo opiniis ke la 7-a horo matene estas tro frue por envagoniĝi en la trajno veninta el Riad. Li do proponis ke la vagonaro el Riad alvenu je la oka horo matene. Sekve de tio oni estis devigata ellabori alian horaron. Iom poste la reĝa kortego decidis ke en iu ajn loko estu interrompo de dudek minutoj por plenumi la ĉiutagajn preĝojn, kaj ree oni devis ŝanĝi la horaron. Foje iu regnestra gvardio, renkonten rajdanta la trajnon, sciigis al la konduktoro, ke iu loka emiro, havante decidon pri vivo kaj morto, ankoraŭ estas manĝanta kun siaj gastoj kaj tial li ordonas ke la vagonaro ne foriru antaŭ finiĝo de la festeno. Kvankam tio foje daŭris pli ol du horojn, neniu el la vojaĝantoj havis la kuraĝon diskuti pri tio.
En la unuaj tagoj de la fervojo oni aŭdis tre pesimismajn antaŭdirojn pri tio, kio okazos kiam la kameloj-pelantaj Araboj direktos la modernajn vagonarojn kun rapideco de pli ol 65 mejlojn en horo. Sed la Ĝenerala Direktoro Gildea asertas ke la sekureco-raporto de SASS estas ne malpli bona ol tiu de iu ajn fervojo en Usono.
Tri Araboj trovis la morton per noktaj vagonaroj. Unu el ili kuŝis dormanta inter la reloj ie en la dezerto. La du aliaj viktimoj same kuŝis dormantaj, nome kun la kapoj sur la reloj, ĉar tiuj estis tiom agrable nevarmaj. Laŭ la arabaj jurnormoj, bazitaj sur la „Korano" ĉiam kulpas la maŝinisto en okazo de akcidento. En la afero de la mortigita Arabo la maŝinisto devis pruvi ke li estis „sub la influo de potenco, kiu estis pli forta ol lia propra forto". La kadio — religia juĝisto — akceptis ke lia vagonaro, veturanta kun relative granda rapideco, ne povis esti haltigata ĝustatempe, kaj sekve ĝi estis tia potenco. Pro tiu motivo la maŝinisto ne estis enkarcerigata, nek liverata al la venĝo de la familio de la mortinto. Tamen li devis pagi la „sangmono", la tradicie postulatan sumon de 3000

rialoj (proks. 800 dolarojn). Ĝi estis lia persona ŝuldo, sed efektive la fervojo pagis por li. La raŭto de SASS kondukas de la Perza Golfo suden al la riĉaj oleokampoj de la Aramko, daŭrige tra la granda oaso de Hofuf okcidenten al Al Kharj kaj pluc ĝis Riad. Ĉiutage veturas du pasaĝeraj vagonaroj, po unu en ambaŭ direktoj. La plej modernaj dizel-elektraj vagonaroj, la nuraj por kiuj validas unuaklasa tarifo, veturas la distancon de Damman ĝis Raid en sep horoj kaj dek minutoj; la ordinaraj vagonaroj — de la Araboj moke nomataj la „kamelo" — bezonas por la sama vojaĝo kvar horojn pli. Antaŭ malmultaj jaroj la perkamela vojaĝo bezonis por tiu distanco 21 tagojn.

Grandiozan progreson spertis la lando depost la plena funkciigo de la fervojo. Ĉiusemajne 15 frajtvagonaroj alportas diversajn varojn al Riad, por kio oni antaŭe bezonis milojn da kameloj. La transporto per kamelo kostis 500 rialoj por tuno; la fervojo kalkulas por kelkaj kategorioj ne pli ol 37 rialojn por tuno. En Riad ŝarĝaŭtomobiloj kaj karavanoj transprenas la ŝarĝon, kiu estas distribuata pli interne en la landon, kontraŭ prezoj, rimarkinde pli malaltaj ol antaŭe. Tiel ekz. la prezo de benzino reduktiĝis ĝis kvarono de la antaŭa prezo. Iam eĉ la daktiloj, la abunda araba staplo-produkto, estis multekostaj por la indiĝenoj. Nun, kun apliko de dek ŝarĝaŭtomobiloj, servantaj ekskluzive por la ĉiutaga transporto de daktiloj el Hofuf, eĉ la plej malriĉaj Araboj povas aĉeti tiun nutrajon. Aŭtoritatuloj asertas ke la vivokostoj en la elcentraj regionoj malpliiĝis per almenaŭ 50 %, dank' al la fervojo.

Eĉ la plej obstinaj dubemuloj nun konfesas ke la Sauda-Araba-Ŝtatfervojo komencas ŝanĝi la aspekton de Arabio. Kaj ankoraŭ pli da ŝanĝoj estas antaŭvideblaj. Ekzistas usona plano — en la kadro de la helpo al malpli disvolviĝantaj landoj — celanta plilongigi la fervojon per 750 mejloj ĝis Mekka, Medina kaj Djedda, la „dua ĉefurbo" ĉe la Ruĝa Maro.

Tradukis el „Wereldspiegel"

DE JONG

# EVOLUO DE LA BELGAJ FERVOJOJ

La 5-an de majo 1835 forveturis el Bruselo la unua vojaĝanttrajno de nia kontinento. Tiuj primitivaj lokomotivo kaj vagonoj portis en si la ĝermon de la plej grandioza teknika, ekonomia kaj socia evoluo de ĉiuj tempoj.

Efektive la transportindustrio iĝis unu el la precipaj faktoroj por la prospero de kiu ajn nacio.

Tio speciale validas por Belgio, ĉar nia malgranda lando posedas ne multe da naturaj mineraloj por nia industrio, kaj do grandparte devas importi ilin el la eksterlando kaj poste ree eksporti la produktojn de nia industrio.

La unuarangan lokon kiun povis okupi nia lando inter la industriaj landoj de la mondo, ni nur dankas al nia intelektularo, ĉu el la financaj, ĉu el la teknikaj medioj, kaj al la fakaj sperto kaj valoro de nia laboristaro, sed ankaŭ kaj speciale dank' al la densa vojretaro kiu kovras nian malgrandan teritorion.

Pri unu el tiuj vojretoj ni pli speciale interesiĝu, nome pri tiu, kiu ekfunkciis en 1835, jam kvin jarojn post la proklamo de la sendependeco de nia lando en 1830, kaj kiu do ekde la komenco partoprenis al la impona industria elvolviĝo de nia lando.

Nia fervojretaro, ĉar ĝin ni celas, povas fieri pri glorplena historio; kaj kvankam ĝi estas la plej aĝa reto de nia kontinento, ĝi estas ankoraŭ ĉiam unu el la apogiloj de la belga ekonomio.

En la komenco kelkaj fervojaj linioj estis konstruitaj kaj ekspluatataj de komercaj entreprenoj. Poste la ŝtato prenis sur sin la konstruadon kaj ekspluatadon de ĉiuj aliaj linioj. En 1926 estis fondita nacia fervoja akcia societo de la Belgaj Fervojoj kies sidejo estas Bruselo.

Nia fervoja societo ekspluatas proksimume 5000 km da relvojoj; ĝi krome estas granda ekspluatanto de la vojtrafiko, ĝi nome administras proksimume 15000 km da aŭtobuslinioj, dum ĝia liverservo disportas proksimume 400.000 tunojn da varoj al preskaŭ 95 % de la belga enloĝantaro per la pord' al pordotransporto.

La unua linio konstruiĝis inter nia ĉefurbo Bruselo, kaj Mechelen; poste estis plilongigita ĝis Antwerpen, la ĉefa havenurbo.

En rapida sinsekvo venis poste la aliaj linioj. La reto iĝis tiel densa ke en 1938 neniu urbo aŭ eĉ granda vilaĝo estis pli malproksima ol 5 km de fervoja linio. Neniu tiam tamen antaŭvidis ke la kulmina punkto de la evoluo jam estis atingita. La fulmrapida postmilita progreso de la aŭtomobilo havis terure malpliigan efikon sur la nombro da vojaĝantoj kaj sur la kvanto da varoj kies transporto estis profitdona.

Sekve, sur multaj fervojlinioj la vagonaroj nur matene kaj vespere transportis akcepteblan nombron da vojaĝantoj, dum ke dumtage ili veturis preskaŭ tute malplenaj. Ĝisfundaj ŝanĝoj en la ekspluataj metodoj estis do neeviteblaj.

Neniu neos la neceson ke ankaŭ la fervojo

devas apliki la nuntempajn raciigadon kaj aŭtomatigadon por povi konkurencadi kun aliaj transportorganizoj. Oni sciu ke en Belgio la meza prezo por la vaportirpovo estas 70 frankoj por km, dum ke por la modernaj lokomotivoj (diselaj aŭ elektraj) ĝi estas nur proks. 35 frankoj por km. Nur per anstataŭigado de la restantaj vaporlokomotivoj per diselelektraj aŭ elektraj nia fervoja societo povus ŝpari pli ol unu miljardon da frankoj ĉiujare.
Ĉar en tiu ĉi momento la diseligado estas malpli multekosta ol la elektrigado, nur la ĉefaj linioj estos elektrigataj. Oni taksis ke entute necesos 800 diselelektraj lokomotivoj por anstataŭi 1447 vaporlokomotivojn. En malpli ol unu jaro nia industrio povis liveri 201 de tiaj lokomotivoj, fakte do ¼ de la tuta programo.
Sed ne nur la tireblecoj estas raciigataj, ankaŭ la ekspluatatmetodoj. En nia epoko tute ne plu estas akcepteble ke trajno transportas nur 50 aŭ 70 vojaĝantojn, kiam ekzistas alia transportilo kies ekspluatadkostoj estas pli malaltaj kaj kies teknikaj valoro kaj komforto estas kompareblaj al tiuj de la trajnoj.
La anstataŭigado de trajnoj per aŭtobusoj estas ofte malbone akceptata de la loka loĝantaro. Fakto estas ke la aŭtobustransporto havas kelkajn malavantaĝojn kompare al la fervojo, sed oni devas resti objektiva en la komparoj de la por kaj kontraŭ.
La modernigado kaj aŭtomatigado de la fervojretaro krome havas ankaŭ gravan influon sur la necesa nombro de la personaro.
Sekve de la ellaboradplanoj la nombro de la personaro povos esti reduktita de 10.000 unuoj en la daŭro de 4 ĝis 5 jaroj.
Je la unua de januaro 1950 estis ĉe la belgaj fervojoj ankoraŭ 90.377 dejorantoj. Je la unua de julio 1958 tiu nombro estis reduktita ĝis 77.916 dum je la unua de decembro 1959 ĝi estis 71.358.
Pro objektiveco ni aldonu ke tiuj nombroj ne enhavas la personaron de la aŭtobuslinioj kiuj anstataŭas fervojliniojn, ĉar tiuj estas ekspluatataj de privatuloj. Fakto tamen estas ke en la daŭro de ses monatoj la malpliigo de la fervojistaro estis 6558 unuoj.
Kiel nun fakte realiĝis tiu ampleksa reduktiĝo de la personarnombro? Dank' al la statutoj de la personaro fervoja, la belga fervojisto nur povas esti maldungata en kazo de fiago.
Do, la malpliigo de la personaro nur povis esti realigata per la ĉesigo de la dungado. Per tiu ĉi metodo nur malgranda parto de la personaro estis ĝenata pro tiu aranĝo, nome tiuj kiuj devis ŝanĝi de dejorloko en kazo de dejorĉesigo. Sed ankaŭ en tiu kazo la fervoja direkcio povis redukti la malagrablaĵojn per financaj aŭ materiaj subvencioj por la transloĝado. La plej granda problemo por nia fervoja societo tamen ankoraŭ ĉiam estas la pensiumigado de la personaro. Ĝi en Belgio speciale estas ege malfacila ĉar en 1926 nia fervoja entrepreno devis transpreni 113.000 ŝtatoficistojn kies pensiumiĝo ne baziĝas sur matematikaj rezervoj. Nia belga fervojistaro kun danko pripensas sian antaŭularon, kiu tiel bone asekuris niajn laborcirkonstancojn.

(El la „Belga Fervojisto")

---

# Bonvenon en IFEF

Sabaton la 28-an de januaro je la 15-a horo okazis en la fervojista kantino de Hotel Bahnhof, la fonda kunveno de la fervojista esperantista sekcio Salzburg.
La juna sekcio intencas vigle kaj obstine partopreni en la laboroj de la Aŭstria Fervojista Esperantista Federacio.
Kun ĝojo ni akceptas la junan sekcion en nia granda rondo familia de fervojistaj esperantistoj.
La fakto, ke en la estraro de la sekcio Salzburg elektiĝis junaj kaj fervoraj kolegoj, havas por nia movado specialan valoron.
Ni esperas renkonti jam en Barcelono kaj amike saluti kelkajn anojn de la juna sekcio.

La IFEF-estraro



## EL GAZETOJ KAJ SENDITAĴOJ

### Foiro de Barcelona uzas Esperanton

Same kiel en 1960 ankaŭ en la nuna jaro la oficiala kaj internacia specimenfoiro de Barcelona eldonas sian oficialan afiŝon en Esperanto.
Temas pri belega afiŝo kun moderna plurkolora desegno en la formatoj 70×100 cm kaj 30×40 cm. Belega por ekspozicio. Tiun juvelon oni povas ricevi senpage, sed estus utile ke la petantoj menciu kie la afiŝoj estos montrataj (vendejo, turismo-oficejo, stacidomo ktp) ĉar la celo ja estas propagandi la foiron ĉie.
Ĉar la foiro okazos en junio 1961 vi ne prokrastu viajn mendojn.
La adreso estas: Feria Oficiale Internacional de Muestras Negociado de Propaganda, Paseo de María Cristina, BARCELONA-4, Hispanio.

### Faldbroŝuro pri la urbo Malmö

Malmö, Svedujo, pretigis novan eldonon de sia multkolora faldbroŝuro en Esperanto pri la urbo. Tute novaj, plurkoloraj bildoj, historia rerigardo, granda urbokarto kun pluraj indikoj pri la vidindaĵoj kaj informoj pri ekskursoj en la plej suda sveda provinco Skanio pliriĉigas la broŝuron. Skribu esp-lingve al: Turisttrafikförening Malmö, Svedujo.

### La Esekonkurso de la Skolta Esperantista Ligo

De la 1-a de januaro ĝis la 31-a de decembro 1961 la Skolta Esperantista Ligo okazigos sian unuan esekonkurson kun tri monpremioj: Usona $ 25, 15 kaj 10. Ĝi invitas aliĝi al la Ligo por tri ŝilingoj jare kaj partopreni en ĝia esekonkurso kies ĝeneralaj temoj sugestitaj sekvas: aŭ „Kiel la skoltismo maturigas nian junularon", aŭ „Skoltoj kiel mondcivitanoj", aŭ „Kiel sukcesigi la skoltan trupon".
Konkurskondiĉojn kaj aliajn informojn oni petu al David H. Withey, kasisto de S.E.L., 21 Brookfield Avenue, Waterloo, LIVERPOOL 22, Anglujo.

### Esperanto-programoj de la Voĉo de Ameriko

Je la kvara fojo la Voĉo de Ameriko dissendos serion da radio-programoj en Esperanto la 17-an, 24-an kaj 31-an de marto kaj la 7-an de aprilo 1961. En logika daŭrigo de la tria serio, kiu pritraktis la elektojn, la kvara serio donos bildon de Usono sub la nova prezidanto John Fitzgerald Kennedy. Sonbildoj de gravaj okazaĵoj, raportoj, intervjuoj kaj la bone konata rubriko de Demandoj kaj Respondoj ilustros la bazan idearon, la programon kaj la gvidantajn personojn de la Kennedy-registaro kaj klarigos la rolon de la Prezidanto, de liaj ĉefaj kunlaborantoj, de la kongreso, de la tribunaloj kaj de aliaj gravaj institucioj, ankaŭ la signifon de la Respublikana opozicio.
Por atingi diversajn partojn de la mondo, ĉiu el la kvar 30-minutaj programoj estos disaŭdigata kvarfoje: je 3.30 h. (laŭ la horsistemo de Greenwich) sur la

ondolongoj de 19.83 kaj 16.92 metroj (ĉefe por Suda, Centra kaj Norda Ameriko. Je 22-a h (la 23-a en la plimulto de la eŭropaj landoj) sur la ondolongo 31.20 kaj 48.62 m, ĉefe por Eŭropo kaj la apudaj regionoj de Azio kaj Afriko. Ĉiuj elsendoj estos aŭdebla ankaŭ en aliaj partoj de la mondo. Raportojn pri la ricevo kaj opiniesprimojn pri la enhavo bonvolu sendi al D-ro William Solzbacher, Voice of America, Rm 2528 HEW, Washington 25, D.C., USONO.

## ENKETO PRI LA MIGRADO DE LA KUKOLO

Esperanto ĝis nun ne bone penetris en sciencajn mediojn. Por enkondukigi ĝin tien, oni nepre devas montri ĝian utilecon, ekz. en internaciaj enketoj pri iu biologia fakto. Tre konvena fakto estas tiu de la birdmigrado, ĉar tiu temo estas interesa kaj populara, jam multe pristudata sed ankoraŭ ne sufiĉe komprenata.

Kelkaj ornitologoj jam studis la printempan migradon de la kukolo, sed iliaj konkludoj ŝajnas ne konvinkigaj. Tiuj personoj devis ĉerpi siajn informojn el la artikoloj de birdobservantoj el pluraj landoj. Sed por havi taŭgajn informojn oni devus disponi pri reto de observantoj en la tuta teritorio kie vivas la koncerna birdo.

Estas klare, ke nur internacia lingvo permesas starigi tian reton. Tial mi alvokas la naturamantajn esperantistojn por ke ili havigu al mi informojn pri la alveno de la kukolo en ilia loko. Tia informado povus montri al la sciencistaro ke por pluraj esploroj la internacia lingvo estas ne nur utila sed eĉ necesa fakto.

En ĉi tiu studo temas do pri bone konata birdo, la eŭropa kukolo (Cuculus Canorus L.), kiu dumsomere vivas en preskaŭ tuta Eŭropo kaj en okcidenta Azio, kaj dumvintere en tropika kaj suda Afriko. Ĝi estas speciale fama pro la printempa krio de la virseksulo: „ku-ku". Ankaŭ ĉiu nepre scias ke ĝi ne faras propran neston, sed kovigas siajn ovojn per aliaj birdoj.

Venante el Afriko printempe ĝi atingas sudan Eŭropon je la fino de marto, nordan nur je la fino de majo. Estus interese scii kiam la unua kukolo aperas en via loko. Se vi vivas eksterurbe kaj do povas sekvi tagon post tago la alvenon de tiu birdo, bonvolu havigi al la ĉi-suba adreso jenajn informojn: nomo de la loko kaj situo rilate gravan urbon, dato de la alveno de la unua kukolo, aspekto de la regiono, veterkondiĉoj (se eble) dum la pasintaj tagoj, via nomo kaj adreso.

La rezultoj de ĉi tiu enketo estos prilaborataj en scienca artikolo kiu aperos en Esperanto. La nomoj de la informintoj estos citataj. Eble ĉi tiu enketo havos favoran influon en kelkaj sciencaj medioj.

W. De Smet, Graaf van Egmontstraat 16,

Antwerpen, Belgio.

---

### ESPERANTO HELPAS

Juna gvatamala esperantisto, instruisto Julio R. Mazariegos, kiu vizitas en Usono gejunulojn kaj geinstruistojn, estas multe helpata per Esperanto, ĉar li ne parolas angle. Dum sia restado en St. Louis li plurfoje prelegis pri gvatemalo (en Esperanto); loka esperantisto tradukis anglen.

Unu tia viva demonstracio pri la uzebleco de Esperanto tre impresis instancon de la lerneja sistemo kaj instigis je akcepto de Esperanto kiel plenrajta lernobjekto en la Vespera Lernejo por Plenkreskuloj en University City, la plej granda antaŭurbo de St. Louis.

### NOVAJ ZAMENHOF-STRATOJ

La magistrato de Stuttgart, ĉefurbo de la germana lando Würtemberg, nomis novan straton en la okcidenta parto de la urbo, laŭ la aŭtoro de Esperanto **Zamenhofstrasse.** Ankaŭ la pola urbo Ostrow-Wlkp (Poznanja vojevodio) nun havas sian Zamenhofstraton. La koncerna propono de la loka Esperanto-societo, farita en la Zamenhofjaro, estis tre favore pritraktita dum la junia sesio de la urba konsilantaro.

---

# Internacia Ferio-Semajno sur Herzberg

Sub patroneco de la Svisa Asocio de Esperantistaj Fervojistoj ĉijare denove okazos feriosemajno por fervojistoj kaj ties familioj de la 10-a ĝis la 16/17-a de septembro.

La programo entenas i.a. vizitoj al Brugg, preĝejo Königsfelden (mondfamaj vitropentraĵoj), romana amfiteatro Vindonissa, Kasteloj Habsburg kaj Wildegg. Okazos ankaŭ semajnfina ekskurso (nedeviga) al la insuloj de Brisago. **Prezo** por sestaga restado SFr. 90 (inkluzive SFr. 5 aliĝa kotizo). Kiuj deziras partopreni ankaŭ la semajnfinan ekskurson devas pagi SFr. 25 pli (sen la fervoja bileto).

La biletojn oni mendu jene: landlimo Aarau-Lenzburg-Luzern-Bellinzona-Locarno, kaj hejmen laŭvole.

**Lasta aliĝtago la 1-a de aŭgusto 1961.**

Anoncu vin rekte al: Hans Hunkeler, Esperanto-poŝtfako 417, Aarau, Svisio. En Germanio, Aŭstrio kaj Italio estas helpemaj perantoj nome fraŭlino M. Kammerer, Bischoff-Konradstr. 16, Regensburg; fraŭlino G. Kürner, IFEF-sekcio, Bahnhofplatz 1a, Linz; kaj s-ro Inĝ. Germano Gimelli, Via Donato Greti 61, Bologna.

---

## POR KOLEKTANTOJ DE DIVERSAJ AĴOJ

Kiu kolektas, aŭ deziras kolekti alumetetiketojn kaj interŝanĝi ilin kontraŭ tiuj de ĈSSR, USSR kaj Hungario? Mi ankaŭ pretas sendi al interesuloj esperantajn tradukojn de Ĉeĥaj naciaj mitoj, legendoj kaj marionetludoj. Per eksterlandaj alumetetiketoj mi volas akiri ne nur interesan kolekton, sed ankaŭ ekinteresigi lokajn kolektantojn por Esperanto, ĉar neniu el ili akiris kontakton kun okcidentaj landoj uzante naciajn lingvojn. Mi estas 39-jara, delegito de U.E.A. kaj longjara esperantisto. Mia adreso estas: L. Ryznar, SVITAVY LÁNY, Ĉeĥoslovakio.

---

# Feriosemajno en Nederlando

Ankaŭ en 1961 la grupo Zwolle de FERN organizas feriosemajnon en la konata ferio-hejmo „De Leemkule" en la proksimeco de Zwolle. Jam estas la deka fojo ke ili prizorgas tiun renkontiĝon. Ĝi do estas jubileo, kaj ricevos pro tio festan karakteron.

La ekskursoj estos kiel ĉiujare tre allogaj: i.a. vizitoj al N.O. kaj S.O.-polderoj, al subĉiela muzeo, Giethoorn, Amsterdamo kun Marken kaj Volendam, ktp. Oni invitas ĉiujn fervojistajn esperantistojn kaj ties familianojn, kaj ankaŭ ne-esperantistojn, por montri al ili la neceson de Esperanto. La feriosemajno okazos de la 2-a ĝis la 9-a de septembro. La kostoj estas *f* 70, inkluzive ĉiuj manĝoj, ekskursoj, ktp.

Rezervu libertagojn kaj anoncu vin sufiĉe frue ĉe W. Gelderman, Willem Barentszstraat 70, Zwolle, Nederlando, kiu cetere volonte donos informojn.

## KIAL HISPANUJO KAJ PORTUGALUJO HAVAS PROPRAN RELDISTANCON

La kaŭzon, ke la hispanaj fervojoj konstruiĝas en larĝspuro, kutime oni metas en rilatoj kun militaj pripensoj. Tio estas kredebla klarigo! Tamen rezultis el antaŭ mallonga tempo, en Hispanio efektivigita historia esploro, ke ĉe la decido pri la reldistanco nura eraro decidis.
Konforme al tio, en la jaro 1844, kredis, de la reĝo komisiitaj specialistoj ke la 1345 mm-spuro definitive flankeniĝos per pli grandaj reldistancoj, dum ĝi, en ago kaj vereco, jam unu jaron pli poste en Anglujo deklariĝis al normalspuro. Surbaze de tiu erara informo oni elektis la reldistancon de 1676 mm (aŭ 5½ anglaj piedoj), konforme al la 6 kastilaj piedoj, malsupren rondigita mezvaloro, de diversaj tiamaj reldistancoj.
De kelkaj jaroj, cetere, ĉiuj novaj reloj estas konstruitaj kun la reldistanco 1668 mm. Eksperimentoj por forigi tiun per la larĝspuro kaŭzitan izolaĝon de la hispana (kaj portugala) fervojretaro, ne mankis.
Antaŭ la unua mondmilito oni projektis la konstruon de rekta 1435 mm-spura per elektra forto funkciigata fervojo de la franca limo al la landa ĉefurbo Madrid. En 1929 estis serioze pripensite ŝanĝi al normalspuro la apudlinion de Barcelona al la limstacio La Tour de Carol en la Pireneoj, por tiamaniere havigi al la malpli uzitaj limtransirejo kaj haveno de Barcelona la transiran frajtaĵtrafikon. Antaŭ nelonge oni proponis, konsidere al la kreskante eksporto de agrarproduktoj, ŝanĝi la spuron de la linio laŭlonge de la Mediteraneo, de Port-Bou (limstacio) - Barcelona ĝis Murcia. Momente nur la konataj bluaj **Transfesa**-frajtaĵvagonoj kun ŝanĝeblaj radaksoj ne bezonas transŝarĝon ĉe la limo.

Libere tradukis el SBB-Nachtrichten-blat, K.G.

## NI RICEVIS

### Sudtirolo en la jaro 1960

64-paĝa broŝuro pritraktanta la faktan situacion de la Sudtiroldemando. Originale verkita en Esperanto de nia membro Kort. Kons. Hugo Steiner, Direktoro de la Internacia Esperanto-Muzeo, Wien I, Hofburg, Aŭstrio. La broŝuro estas havigebla kontraŭ 6 respondkuponoj. Por membroj de la Int. Esp.-Muzeo la prezo malpliiĝas per unu respondkupono.

### Clave de Esperanto

Kvara Urugvaja preso de la hispana ŝlosilo. Eldonis Urugvaja Esp.-societo okaze de la Zamenhofa jaro. 40-paĝa 8,5 ĝ 12,5 cm. Duobla verdkolora kovrilo kun ĝisdataj informoj kaj adresoj de hispanlingvaj landaj Esp-informejoj. Prezo 0,08 dol. Specimeno kontraŭ 1 respondkupono. Mendebla ĉe Yaguarón 1397, Montevideo, Urugvajo.

### KANTOJ POR LA PACO

Poemaro, parte originale verkita, parte tradukita en Esperanto de Canko Murgin. Bedaŭrinde ankaŭ en ĝi, same kiel en la plej multaj Esperantokantlibroj, mankas la muziko. La libreto estas havebla ĉe la eldonisto: Sveda M.E.M.-sekcio, Box 109a, Deje, Svedio, kontraŭ 1.60 Sv.kr., aŭ 4 internaciaj respondkuponoj.

# Esperantlingvaj reklamfilmoj de la fervojo

Kontraŭe al ĝeneralaj reklamfilmoj de la fervojo, kiuj estas montrataj en la filmteatroj, la esperantlingvaj filmoj estu direktataj al definita publiko, nome al partoprenantoj de internaciaj kongresoj aŭ similaj aranĝoj kaj al lokaj Esperanto-grupoj en la unuopaj landoj. El tio rezultas dekomence, ke la produktado de 35 mm-filmoj povas esti rezignata, ĉar ties produktkostoj estas multe pli altaj, kaj kvanto de aliaj malavantaĝoj superas la laŭŝajnajn avantaĝojn de la normalfilmo.
La filmo estas bonega rimedo por pligrandigi la intereson pri perfervojaj vojaĝoj. Neniu Esperanto-prospekto aŭ kolorbildo povas konkuri kun la vivo, kun la elokventeco de la filmo — la pejzaĝo preterglitas, la pasaĝeroj konversacias en la kupeo, la trajno alvenas — estas vera vivo, disigata nur unu paŝon for de la rigardanto.
La publiko por 16 mm-filmoj en Esperanto estas limigata laŭ la nombro, sed ĝi ne bezonas estis kreata. La Esperantistojn unuigas eksterordinara emo kunveni en internacia kadro. Esti Esperantisto kaj vojaĝi, almenaŭ la deziro al vojaĝoj, apartenas kune. Sekve esperantlingva filmo reklamanta uzadon de la fervojo trovos preferindan kaj vojaĝeman publikon, ĉu en la kadro de internacia, ĉu okaze de loka aranĝo en laŭvola lando.
Pro tio oni intencu sinkronigi en Esperanto jam ekzistantajn filmojn.
Rajtas temi sole pri elektitaj filmoj, kiuj vekas en la rigardantoj la ardan deziron uzi la fervojon, kiam iu okazo prezentos sin. Tiucele servos precipe kolorfilmoj. Krome la filmo devas esti mallonga, por ke ĝi postlasu la deziron vidi pli multe. Ĝi do daŭru maksimume 30 minutojn.
Estu envicigata homa fabelo, ankaŭ sengrava por komuniki kaj efiki la impreson de la vera vivo. Tiamaniere la rigardanto povos imagi al si, ke li partoprenas la aranĝon. Bildoj sole pri la perfekta funkcio de la fervojo ne povas efiki tion.
La komento estu bone skribita kaj ne konsistu el nura reklamo, ĉar ĝi devas spiri vivon en la filmon. Pli sukcesa kontakto kun la publiko estas atingebla per originalaj scenoj en Esperanto, luditaj, se eble, per profesiaj artistoj. Ankaŭ la muzika fono ne rajtas manki. Partoj el internaciaj kongresoj aŭ karakterizaj kontaktoj povas akcenti ankaŭ la Internacian Ideon de la Internacia Lingvo. Pluan plialtigon ebligas la kuplo de turisma kaj fervoja reklamfilmo pri vojaĝo tra unu aŭ eĉ tra pluraj landoj. Blank-nigraj filmoj taŭgas cetere ankaŭ por esti montrataj en la televido.
La landaj Esperanto-organizajoj estas komisiataj pri la prezentado. Ili transprenas la teknikajn taskojn (pruntedono de kopioj, havigo de projektaparatoj, komerca eluzo). Sed laŭ la ĝisnunaj metodoj la fervojo ne postulos tro multe da taksoj, ĉar temas ja pri varbado favore al la fervojo. Sinkronigita; turismaj filmoj en Esperanto jam ekzistas. Eble tiu artikolo instigos kelkiun leganton konvinki la fervojan administracion pri la profitvaloro de esperantigita reklamfilmo.

W. Barnickel

# UIC EN NOVKONSTRUITA DOMICILO

Kiam tiuj linioj aperas, la Unuiĝo Internacia de la Fervojoj (UIC) jam transloĝiĝis al novkonstruita domicilo, kies fondŝtonon la UIC-prezidanto kaj unua prezidanto de la Germana Federacia Fervojo (DB), prof-ro d-ro Oeftering enmasonigis aŭtune de 1960. La nova domego troviĝas proksime de la mondfama Eiffelturo en Parizo. La grundon disponigis la Francaj Fervojoj (SNCF), kiuj laŭ la festparolado okaze de la inaŭgura ceremonio muletege laboris ekde la fondiĝo de UIC en 1922. La SNCF modele estris UIC dum 36 jaroj (1922-1958) kaj okupis la gravan oficon de la ĝeneral-sekretario. Ĝi projektis la domegon kaj ankaŭ konstruis ĝin. La franca registaro kaj la urbo Parizo subtenis la projekton morale kaj materie.
La historio de UIC rekondukas al la jaro 1872, kiam la Internacia Pasaĝertrajna Horarkonferenco estis fondata. En 1878 estas kontraktita la Internacia Konvencio pri la Fervoja Vartrafiko (CIM). La granda merito de la fondintoj de UIC konsistas en tio, ke ili kreis organon kun ampleksaj rajtoj, kiu koordinas la tutajon de la internacia fervojeco.
Tamen ĝi respektas la individuecon de la 50 aliĝintaj administracioj. Inter ili troviĝas ĉiuj fervojaj administracioj de Eŭropo escepte de la Sovetunio; krome multaj fervojoj en Afriko, Azio kaj Ameriko. Entute ili disponas pri ĉirkaŭ kvar milionoj da fervojistoj kaj proksimume 350.000 lini-kilometroj.
UIC posedas krom la ĝeneralkunveno kiel gvidorganon la „Afergvidantan Gremion", konsistan el 12 ĝeneraldirektoroj.
Submetitaj al ĝi estas ok fakkomisioj kaj di-

versaj servoj, ekz: la Oficejo por Esploroj kaj Provoj (ORE) kaj la Centro por Informoj de la Eŭropaj Fervojoj (CICE). Gravan rolon en la interna kaj ekstera laboro de la Unuiĝo ludas la ĝeneralsekretario kun siaj kunlaborantoj.
UIC havas ne nur la taskon prilabori ĉiujn demandojn koncerne la tutajon aŭ nur parton de la aliĝintaj administracioj. Ĝi reprezentas ankaŭ la fervojojn al ekstere t.e. vide-al-vide de ŝtataj kaj ne-ŝtataj internaciaj organizoj, ekz: la portrafika komisiono de la Unuiĝintaj Nacioj en Ĝenevo kaj la Konferenco de la Eŭropaj Trafikministroj.
Estas la deziro de la fervojistaj esperantistoj ke en tiu nova domicilo UIC okupiĝu en antaŭvidebla tempo pri nia strebado. Kiam IFEF kaj la landaj sekcioj povos prezenti la delonge atenditan terminaron, la unua paŝo de la oficialigo estos farita.

W. Barnickel

## Esperanto-kalendaro por 1961

**23-3 ĝis 5-4:**
Paska libertempo en Grésilon. Adreso: Esperantista Kulturdomo Chateau Grésilon, BAUGE, M. et L., Francio.

**30-3 ĝis 3-4:**
6-a Internacia Junularkunveno sur Feldberg (Schwarzwald). Adreso: Germana Esperanto-Junularo, T 6-8, MANNHEIM, Germanio.

**31-3 ĝis 3-4:**
45-a Brita Esperanto-kongreso en Bournemouth. Adreso: M. A. Middlemast, 86 Hengistburg Road, Bournemouth, Anglio.

**6-5 ĝis 11-5:**
13-a Internacia Fervojista Esperantista Kongreso en Barcelono. Adreso: 13-a IFEF-kongreso, Estación Termino RENFE, Barcelono, Hispanio.

**11-5 ĝis 19-5:**
22-a Hispana Kongreso de Esperanto en Palma de Majorka.

**20-5 ĝis 22-5:**
39-a Germana Esperanto-kongreso en Bad Hersfeld. Adreso: Unter der Stiegel 27.

**20-5 ĝis 22-5:**
Jubilea Kongreso (okaze de la 50-jara ekzistado) de la Nederlanda Laborista Esperantista Asocio F.L.E. Adreso: FLE, Nepveustraat 33 I, Amsterdam-W.

**20-6 ĝis 12-9:**
Diversaj aranĝoj en Kastelo Grésilon.

**29-7 ĝis 5-8:**
Kongreso de SAT en Gent, Belgio. Adreso: Albert Bracke, Tulpstraat 52, GENT, Belgio.

**29-7 ĝis 5-8:**
14-a KELI-kongreso en Bishop's Stortjord. Adreso: Hockerill Training College, Bishop's Stortjord, HERTS, Anglio.

**5-8 ĝis 12-8:**
46-a Universala Kongreso de Esperanto en Harrogate. Adreso: 46-a Universala Kongreso de Esperanto, Harrogate, Anglio.

(daŭrigota)

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando